


Núm. 113

Oktobro 1926

## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**Centra Oficejo: 12, Boulevard du Theâtre, Genève (Svislando)**

*Universala Esperanto-Asocio* celas:

Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

Krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.

Kreskigi inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

*Universala Esperanto-Asocio* konsistas:

El sepmil membroj diverslandaj.

El 1.200 Delegitoj kaj Vicdelegitoj en la ĉefaj lokoj, kiuj respondas la informpetojn de la membroj kaj helpas ilin okaze de vojaĝo.

El Komitato, elektita de la Delegitoj, el Centra Oficejo, el teritoria organizo, ktp.

*Universala Esperanto-Asocio* laboras:

Por konstrui centron de esperantista agado bone ordigita kaj forta. Konsiderante, ke internacia organizo estas necesa al lingvo internacia la lasta kongreso oficialigis U. E. A. kiel la tutmondan organizaĵon de individuaj esperantistoj.

## ASOCIACIÓN UNIVERSAL ESPERANTISTA

**Oficina Central: 12, Boulevard du Théâtre, Ginebra (Suiza)**

*La Asociación Universal Esperantista tiene por* objeto:

Difundir el uso de la lengua internacional auxiliar Esperanto.

Fomentar toda clase de relaciones morales y materiales entre los hombres sin distinción de raza, nacionalidad, religión o lengua.

Crear servicios internacionales para uso de todos los hombres, cuyos intereses intelectuales o materiales traspasan los límites de su nacionalidad o el territorio de su idioma.

Acrecentar entre sus miembros un fuerte lazo de solidaridad y desarrollar entre ellos el conocimiento de los pueblos extranjeros.

La Asociación es neutral en asuntos de religión, nacionalidad o política.

*La Asociación Universal Esperantista* consiste:

En siete mil miembros de diversos países.

En 1.200 Delegados y Vicedelegados en las principales localidades, quienes contestan a los informes que les piden los miembros y les ayudan con ocasión de sus viajes.

En un Comité, elegido por los Delegados, en una Oficina Central, en una organización territorial, etc.

*La Asociación Universal Esperantista* trabaja:

Por construir un centro de acción esperantista bien organizado y fuerte. En consideración a que una organización internacional es necesaria a una lengua internacional, el último congreso concedió oficialidad a la U. E. A. considerándola como la organización mundial de los esperantistas individuales.

3.ª Epoko * N.º 113 Oktobro * 1926

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj * Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE



## AVISO IMPORTANTE

La Suno Hispana suplica a los colaboradores españoles o de habla española que, al mismo tiempo que remitan original escrito en el idioma internacional auxiliar Esperanto, remitan también su traducción en lengua castellana, para evitar a esta Redacción el trabajo de tener que hacer su traducción, ya que este trabajo lo efectuamos obligadamente para los originales extranjeros. Con ello se conseguirán dos objetivos: 1.º, que la traducción sea más fiel y exacta al original en Esperanto, y 2.º, que de este modo cumpliremos con mayor comodidad nuestro deber con relación a la previa censura.

La Redacción.

# Verkado en Esperanto

La entuziasmo de la esperantistoj kondukas ilin ofte al tuja verkado de gramatikoj, vortaroj, romanoj kaj eĉ poezioj. Mi estas certa ke la verkantoj ne celas per tio gajnon, nek honoron, ili ĝenerale celas la bonon kaj la propagandon de Esperanto, sed la sekvoj ne estas konformaj kun la celo.

Kelkaj sciemuloj, ian tagon, aĉetas gramatikon por konstati ĉu la lingvo estas tiel facila kiel la esperantistoj proklamas kaj ili ne trovas, kiam la gramatiko estas malbona, senduba la facilecon; aliaj, jam esperantistoj, legas verkon de ŝajne grava esperantisto kaj ĉiuminute observas ke la uzo de prepozicioj, konjunkcioj kaj esprimoj ne estas konforma kun iliaj scioj. Tiam ili dubas, iafoje lernas plu por akiri certecon pri la duboj kaj ofte ili disreviĝas kaj silente forlasas la lingvon.

Mi pensas ke estas relative facile verki gramatikon kaj vortaron; ĉar oni povas eĉ kopii el bonaj libroj. Oni povas ankaŭ verki originalaĵojn ĉar la verkanto povas deflankiĝi de la malfacilaĵoj.

La ĉefajn malfacilaĵojn naskas la tradukado de verkoj. Por tia laboro devas la verkisto elscii la originalan lingvon kaj esperanton. Oni povas nek kopii nek deflankiĝi, ĉar oni devas traduki fidele kaj prezenti verkon vere esperantan.

# Versión en Esperanto

El entusiasmo de los esperantistas con frecuencia les conduce a escribir en seguida gramáticas, diccionarios, novelas y hasta poesías. Estoy seguro de que a los autores no les guía el lucro ni los honores; generalmente les guía el bien y la propaganda de Esperanto, pero los resultados no son conforme con el objetivo propuesto.

Algunos curiosos, un día compran una gramática para comprobar si el idioma es tan fácil como los esperantistas proclaman, y no encuentran, cuando la gramática es mala, aquella facilidad tan cacareada; otros, ya esperantistas, leen una obra de un seudoesperantista y a cada minuto observan que el uso de preposiciones, conjunciones y expresiones no se halla conforme a sus conocimientos. Entonces aquellos dudan, alguna vez estudian más para adquirir la certeza acerca de lo que dudaban y a menudo se desilusionan y calladamente abandonan el idioma.

Yo pienso que es relativamente fácil escribir una gramática y un diccionario; porque hasta se puede copiar de buenos libros. Se pueden también escribir obras originales, porque el escritor puede apartarse de las dificultades.

Las principales dificultades nacen al traducir obras. Para esta labor debe el autor tener bien sabida la lengua del original y el Esperanto. No se puede ni copiar ni obviar las dificultades, ya que se debe traducir con fidelidad y presentar una obra verdaderamente en Esperanto.

Granda helpo por verkisto estas la kontrolado de alia konfida esperantisto. La artikoloj senditaj al gazeto devas esti senkompate korektitaj de la direktoro kiel rajta kontrolisto.

Antaŭ la militego la Esperantista Literatura Asocio kontroladis kun granda sukceso la ĉefajn publikigotajn verkojn. Poste pro la specialaj cirkonstancoj, iom malvigliĝis tiu Asocio, sed nune ĝi ree sin dediĉas al laboro tiel konvena. Mi konkludis tion el reklamfolio al tri novaj verkoj, tradukaĵoj de H. J. Bulthuis. En ĝi oni diras: La tradukoj okazis sub kontrolo de la E. L. A.

La libroj kun simila reklamo, ne bezonata de la eminentuloj, estas grave taksataj kaj pro tio rekomendinda la procedo.

La esperantistan literaturon ne bezonas verkojn kun malbona stilo kaj kun gramatikaj eraroj ĉar ĝi posedas grandan kvanton da bonaj.

VÍCTOR O. DE ALLENDE.

**Bilbao, oktobron, 1926.**

Gran ayuda para el autor es el repaso de su obra por otro esperantista de confianza. Los artículos remitidos a los periódicos deben ser corregidos sin compasión por el director como legal revisor.

Antes de la gran guerra, la Asociación Literaria Esperantista revisaba con gran éxito las principales obras publicables. Posteriormente, debido a especiales circunstancias, se descuidó algo dicha Asociación; pero actualmente de nuevo se dedica a trabajo tan conveniente. Yo he deducido esto de una hoja-reclamo de tres nuevas obras, traducciones de H. S. Bulthuis. En ella se dice: Las traducciones se han hecho bajo el control de la E. L. A.

Los libros con semejante reclamo, innecesario a los eminentes, están revisados detenidamente, y por ello es de recomendar el procedimiento.

La literatura esperantista no necesita de obras de dudoso estilo y con errores gramaticales, ya que las posee buenas y en gran cantidad.

VÍCTOR O. DE ALLENDE.

**Bilbao, octubre, 19.6.**

---

# Simpatia festo

*Atentu!*

En la bela kaj fama urbo Sevilla, oni solenigas entuziasme, 6 januaro, la festo de la Epifanio, tiu festo de la *Tri Reĝoj*: Melĥioro, Gasparo kaj Baltasaro.

Rilate je tiu festo la loka kultura Societo *Ateneo de Sevilla* organizas belan

# Fiesta simpática

*¡Atención!*

En la bella y famosa ciudad de Sevilla se solemniza con entusiasmo, el 6 de enero, la fiesta de la Epifanía, esa fiesta de los *Tres Reyes:* Melchor, Gaspar y Baltasar.

Para esta fiesta, la culta Sociedad local *Ateneo de Sevilla* organiza una her-

kaj allogan kavalkadon por disdoni inter la malriĉaj kaj malsanaj geinfanoj, loĝantaj en aziloj kaj hospitaloj, diversajn ludilojn, librojn, pupojn kaj dolĉaĵojn, donacitajn de bonfaremaj personoj.

En tiu kavalkado oni distingas la *Tri Reĝojn* riĉe ornamvestitajn, kiujn akompanas diversaj muzikistaroj, ĥoroj de geinfanoj, heroldoj, paĝioj, soldatoj, ĉiuj kunportantaj diversajn flagoj kaj originalajn standardojn.

Tiu kavalkado trairas la urbon, kaj ĝi estas rigardata de ĉiuj personoj, precipe de la geinfanoj, kiuj atendas senpacience, la disdonadon de la donacaĵoj pere de la Tri Reĝoj de l' Oriento, dum la noktmezo de la 5 al 6 januaro, laŭtradicie.

La pasintan jaron, la fraŭlinoj de Sevilla Esperantista Grupo aranĝis dekdu belajn pupojn vestitajn per tipaj vestoj, reprezentantaj diversajn naciojn de la mondo, por donaci ilin al la Reĝoj Melĥioro, Gasparo kaj Baltasaro, kiuj poste dum tiu kavalkado disdonas karese kaj afable, ĉiajn donacaĵojn ricevitajn, inter la malfeliĉaj geinfanoj de aziloj kaj hospitaloj, ĝojigante tiel dum kelkaj tagoj la koron kaj senton de tiuj kompatindaj geinfanoj.

Por fari pli ampleksa tiun donacon, la Delegito de *U. E. A.* en Sevilla sin turnis ankaŭ la pasintan jaron, per la esperantaj gazetoj *Esperanto* kaj *Heroldo de Esperanto* al la samideaninoj alilandaj, petante donacaĵojn por tiu festo, kaj efektive li atingis de esperantistinoj de kelkaj landoj, ke ili estus sendintaj pupojn arte kaj tipe vestitajn.

Sed por la festo de la proksima jaro,

mosa y atractiva cabalgata para repartir entre los niños y niñas pobres y enfermos, acogidos en asilos y hospitales, diversos juguetes, libros, muñecas y dulces, regalados por personas caritativas.

En esta cabalgata se distinguen los *Tres Reyes* ricamente vestidos, acompañados de varias músicas, coros infantiles, heraldos, pajes, soldados, que llevan diversas banderas y raros estandartes.

Esta cabalgata recorre la ciudad y es presenciada por todo el pueblo, principalmente por los niños, que esperan con impaciencia la distribución de los regalos por mediación de los Tres Reyes de Oriente, a media noche del 5 al 6 de enero, según la tradición.

El año pasado, las señoritas del Grupo Esperantista de Sevilla, arreglaron doce preciosas muñecas vestidas de trajes típicos, que representaban diversas naciones del mundo, para regalarlas a los Reyes Melchor, Gaspar y Baltasar, quienes luego en esta cabalgata reparten con amabilidad y cariño, todos los regalos recibidos, entre los infelices niños de asilos y hospitales, regocijando así durante algunos días el corazón y sentimientos de estas criaturas tan dignas de compasión.

Para aumentar estos regalos, el Delegado de *U. E. A.* en Sevilla, se dirigió también el año pasado, mediante los periódicos esperantistas *Esperanto* y *Heraldo de Esperanto*, a los *samideanos* del extranjero, pidiendo donativos para esta fiesta, y efectivamente consiguió que las esperantistas de algunos países enviaran muñecas artística y típicamente vestidas.

Pero para la fiesta del año próximo,

6 januaro 1927, la laborema Sevilla Esperantista Grupo, petas al ĉiuj esperantistoj hispanaj, pere de La Suno Hispana diskonigi tiun belan feston inter la sindonemaj enlandaj samideaninoj pri alsendo de pupoj arte vestitaj, kaj prefere, tipe ornamitaj laŭ vestaĵoj de la regionoj aŭ provincoj de Hispanujo.

Oni devas konstati, ke per tiu donacaĵo la Sevilla Esperantista Grupo faris dum la du pasintaj jaroj grandan propagandon favore al nia kara helpa lingvo Esperanto, ĉar la pupoj donacitaj estis la plej bele ornamitaj, kaj samtempe rigarditaj de la tuta loĝataro.

La pupoj devas esti altaj 30 aŭ 40 centimetrojn kaj ĉiaj donacaĵoj devos alveni en Sevilla antaŭ la tago 24 de decembro de 1926.

La donacaĵojn de libroj, ludiloj, pupoj, dolĉaĵoj, ktp., oni bonvole sendu al la jena adreso:

*Grupo Esperantista Sevillano.*—Real Sociedad Económica Sevillana de Amigos del País.—Rioja, 25, Sevilla (Hispanujo).

Al ĉiu donaconto, krom la plej kora danko de tiu Grupo, oni sendos ankaŭ rememorigaĵon de tiu kavalkado.

Hispanaj geesperantistoj! Atentu bone pri tiu festo, kaj ne forgesu la simpatian kaj bonfareman peton de Sevilla Esperantista Grupo.

Karolo.

N. de la R.—La pasintan jaron ni faris raporton en nia gazeto. pri tiu festo,

6 de enero de 1927, el activo Grupo Esperantista de Sevilla ruega a todos los esperantistas españoles, por mediación de La Suno Hispana, que den a conocer esta hermosa fiesta entre las correligionarias caritativas de nuestra nación, para que envíen muñecas artísticamente vestidas, y con preferencia, típicamente ataviadas con los trajes de las regiones o provincias de España.

Debe tenerse en cuenta que con estos donativos el Grupo Esperantista de Sevilla hizo, en los dos últimos años, una gran propaganda en favor de nuestra querida lengua auxiliar Esperanto, pues las muñecas regaladas fueron las mejor presentadas, y al mismo tiempo admiradas por toda la población.

Las muñecas deben ser de 30 ó 40 centímetros de alto, y todos los donativos deben llegar a Sevilla antes del día 24 de diciembre de 1926.

Los donativos de libros, juguetes, muñecas, dulces, etc., se ruega sean dirigidos a las siguientes señas:

*Grupo Esperantista Sevillano.*—Real Sociedad Económica Sevillana de Amigos del País.—Rioja, 25, Sevilla (España).

A todos los donantes, además del cordial agradecimiento de este Grupo, se les enviará también un recuerdo de esta cabalgata.

¡Esperantistas españoles! Fijaos en esta fiesta y no olvidéis el simpático y caritativo ruego del Grupo Esperantista de Sevilla.

Karolo.

N. de la R.—El año pasado dimos cuenta de esta fiesta en nuestro periódi-

kaj ankaŭ ni publikigis fotografaĵon de la belegaj pupoj arte vestitaj de la fraŭlinoj de tiu Esperantista Grupo, por la festo de la *Tri Reĝoj*, organizita de l' Ateneo de Sevilla.

co y publicamos también una fotografía de las preciosas muñecas vestidas artísticamente por las señoritas de aquel Grupo Esperantista, destinadas a la fiesta de los *Tres Reyes*, organizada por el Ateneo de Sevilla.

# Reglamento del Instituto Español de Esperanto

## OBJETO DEL INSTITUTO

Hay una póliza y el sello de la Dirección General.

Artículo 1.° Aun cuando autónomo de la Sociedad Española Esperantista, el Instituto mantiene con ésta una íntima relación, informando y proyectando acerca de cuestiones técnicas sobre la lengua Esperanto y sobre su enseñanza; ilustra a la Junta directiva de dicha Sociedad en cuantos casos lo requieran; establecerá la Biblioteca Central de dicha Sociedad, etc., etc.

### COMPOSICIÓN

Art. 2.° Se compondrá de *cuarenta* miembros como máximum.

Art. 3.° Serán Miembros del Instituto:

1.° Los miembros y ex miembros de la Academia Internacional de Esperanto, los miembros y ex miembros del Comité Internacional de esta lengua, y siempre que sean españoles; y elegibles los siguientes;

2.° Los que tengan título de Profesor;

3.° Los que hayan producido obras de enseñanza o literarias de Esperanto y hayan sido reconocidas de mérito, y

4.° Cuantos tengan una reconocida e indiscutible autoridad en el Esperantismo Español.

En los cuatro casos será condición precisa ser español y miembro de la Sociedad Española Esperantista.

### DEL COMITÉ DIRECTOR

Art. 4.° Constará de un Presidente, un Vicepresidente, un Secretario, un Vicesecretario y un Tesorero, que serán elegidos cada dos años, por mitad, en constante relación con la Directiva de la Sociedad Española Esperantista.

FONDOS

Art. 5.° Los fondos del Instituto se constituirán con las cuotas de sus miembros (una peseta anual por miembro), con las cantidades que la Sociedad Española Esperantista aporte, con los derechos que se establezcan para la expedición de Diplomas de aptitud, etc., etc.

Art. 6.° Caso de disolución del *Instituto*, todos sus fondos y cuanto sea de su propiedad, pasará a poder de la Sociedad Española Esperantista.

DOMICILIO

Art. 7.° El domicilio del Instituto será el de la Sociedad Española Esperantista, actualmente Sagasta, 10, Madrid, domicilio de la Cruz Roja.—C. M.ª Cortezo, Mariano Mojado.—Hay un sello de *Hispana Esperanto-Asocio*.

---

Presentado en esta Dirección general de Seguridad, con la obligación de cumplir lo dispuesto en el párrafo 2.° del art. 5.° de la Ley de Asociaciones, remitiendo copia autorizada del Acta de constitución, dentro de los cinco días siguientes a la fecha en que ésta se verifique, y sin cuyo requisito no podrá la Asociación funcionar legalmente.

Madrid, 17 de septiembre de 1926.—El Director General, *Pedro Bayán*.—Hay un sello de la Dirección General de Seguridad.

---

# Al Guadalkiviro

Guadalkivir' famplena! Ĉe vi sentas
mi de l' pasinta temp' sugestopovon,
memor' surpezas min, kaj viglan movon
pensaro mia nur pri vi prezentas.

Aero el Triana al mi ventas,
ensorĉe mi aŭskultas mildan blovon,
antikvan, nemorteblan kanteltrovon:
herooj pri famgloroj elokventas.

El viaj akvoj ombroj arogantaj
flerleviĝas, viroj navigantaj,
denove nun sekvantaj post ĥimer'—

Sed glor' pasinta pasas kiel sago,
Orturo sin altrudas al imago,
piedojn ĝiajn kisas vi, river'.

José B.

# Al Guadalquivir

¡Guadalquivir famoso! Ante ti siento
la sugestión suprema del pasado;
me abruma tu recuerdo, y azorado
se lanza en pos de ti mi pensamiento.

En el vago rumor del leve viento
desde el puente de Triana embelesado,
escuchar me parece renovado
de tu epopeya el inmortal acento.

Y de tus aguas surgen, arrogantes,
las sombras de tus fieros navegantes,
persiguiendo quimeras otra vez;

Y mientras pasa la teoría gloriosa
la Torre del Oro se levanta hermosa
y tú le besas con amor los pies.

Juan E. O'Leary.

## KONTRASTO

L' *Ibajzabal* ne havas,
ĉe l' bordoj siaj,
rozon, kiel la rozoj
de vangoj viaj.
En la montoj ne staras
granita roko
kiel via staranta
de l' kor' ĉe l' loko.

## ONDOJ EL LARMOJ

Ĉe l' *Ibarrangelua,*
verdaj la montoj,
kie bruas eterne
maraj la ondoj,
kantas frenezulino
ke la mar' estas
ŝia tomb' familia,
tiel ŝi plendas:
—Larmojn tiel trinkadas
mar' de l' Kantabroj,
ke ondaro la ĝia
ŝajnas el larmoj!

## BENITA ARBO

Sidas de dek jarcentoj
ombre, sub arbo,
nia la libereco
kara, ĉe l' valo.
Tiun, kiu la sanktan
arbon ofendu,
vundu; Dio kaj homoj
tuje malbenu!

## CONTRASTE

No tiene el Ibaizábal
en sus orillas,
rosa como las rosas
de tus mejillas,
ni en sus laderas tienen
nuestras montañas
roca como las rocas
de tus entrañas.

## OLAS DE LAGRIMAS

En las verdes colinas
de Ibarranguélua,
donde el bramido eterno
de la mar suena,
canta una pobre loca
que en el mar sólo
ve un inmenso sepulcro
de hijos y esposos:
—¡Tantas lágrimas bebes,
mar de Cantabria,
que parecen tus olas...
olas de lágrimas!

## ARBOL BENDITO

A la sombra de un árbol
de nuestros valles
la libertad se asienta
diez siglos hace.
Quien este árbol bendito
profane o hiera,
¡de Dios y de los hombres
maldito sea!

ANTONIO TRUEBA.

## LA KORKO

Fundigu korkon kaj ĝi altiĝas
neniel mergas—ĝi surakviĝas.
Formiĝas ĉiam-la vero, karaj,
el tiu ŝelo-kiu surnaĝas.

*Esperantigis,* JOSÉ ARTIGAS.

## EL CORCHO

Hundid el corcho y él se levanta;
no se sumerge: flota en el agua.
La verdad, niños, está formada
de esa corteza que sobrenada.

F. J. SALA.

### LA ALTRANGULO KAJ LA BLINDULO

Al.milda blindulo — diris altrangulo:
La miaj praavoj — estis heroidoj.
Nenion mi dubas — respondis blindulo,
vidantaj gepatroj — naskis min sen vido.
Pro sia deveno — for la fanfarono
estanta kukurbo — estinta melono.

*Esperantigis*, JOSÉ ARTIGAS.

### EL LINAJUDO Y EL CIEGO

A un ciego le decía un linajudo:
Todos mis antepasados héroes fueron.
El ciego respondió: no lo dudo;
yo sin vista nací—mis padres vieron.
No se envanezca de su noble raza,
quien debió ser melón y es calabaza.

J. E. HARTZENBUSCH.

# ESTATUTOJ
## DE LA
## «UNIVERSALA HOMAMA ASOCIO»

*U. H. A.* celas fratigon de la homaro sur la bazo de la Homaranismo. *U. H. A.* celas plue labori por la efektivigo de la ĉiela regno, tiel universale esperata, kie feliĉo kaj ĝojo regados. La Homaro konsistas ja el gefratoj, kaj unuanimeco devas regi la mondon. La realigo de tiu ĉi idealo estas la plej alta celo de *U. H. A.* En la moderna epoko la vivcirkonstancoj tute aliformiĝis, kaj la homa koro ĉiutage malpliboniĝas. Se oni permesas ke tiu ĉi danĝera procedo daŭru, alvenas neevitebla katastrofo, kaj la Homaro multe suferos. Pro tio, ni kuraĝe eklaboru por la disfaligo de la muroj inter nacioj, rasoj, religioj. Sur la bazo de Homaranismo, ni devas forigi la nunan kaoson kaj fondi pli luman, pli trankvilan kaj pli feliĉan mondon sur Tero.

La nomo de nia societo estas *Universala Homama Asocio*. La Centra Sidejo estas en la japana urbo Kameoka. Laŭbezone, oni fondos lokajn oficejojn kaj filiojn en la tuta mondo. La Asocio estas direktata de la Prezidanto de *U. H. A.* La japana centra oficejo staras sub la kontrolo de elektita komitato kiu zorgas pri la administrado. Ĉiu loka organizaĵo estas direktata de unu ĉefo kaj unu komitato. En ĉiu organizaĵo okazas unufoje po jaro Ĝenerala Kunveno kaj de plurfoje—se necese —okazas en la jaro komitatkunveno.

La aliĝo al *U. H. A.* estas libera kaj senpaga formalaĵo. La enspezoj de *U. H. A.* konsistas el memvolaj kotizoj de helpaj membroj.

*U. H. A.* adoptas Esperanton kiel Internacian Helplingvon.

Ĉiuj lokaj organizaĵoj estas liberaj; ili povas adopti specialajn statutojn, sed necesas, ke tiuj ĉi statutoj estu aprobitaj de la centra komitato.

Por la realigo de nia celo, *U. H. A.* klopodas en ĉiuj partoj de la mondo, eldonas propagandilojn kaj okazigas paroladojn. Propagandistoj povas esti sendataj.

Ĉiu membro de *U. H. A.* devas respekti ĉiujn sincerajn kredojn kaj opiniojn kaj klopodi je la realigo de nia programo per amo kaj bono.

---

Jam estas iaj centoj da Sekcioj kaj Filioj en la tuta mondo, kaj en Parizo estas starigita unu Europa-Centra Oficejo por la propagando de *U. H. A.*

En Hispanio estas Filio el la Europa-Centra Oficejo de *U. H. A.* starigita en Hellin.

Gehispanoj, aliĝu al *U. H. A.* per la Hispana Filio!!

**(Traducción del Estatuto de la «Asociación Universal de Amantes del Hombre»)**

*A. U. A. H.* tiene por objeto hermanar a la humanidad sobre la base del humanismo, y además laborar para hacer efectivo en la tierra el reino de los cielos, tan universalmente esperado, a fin de que en ella reine una felicidad y un gozo sin límites. La Humanidad se compone de hermanos, y por tanto, la unanimidad debe regir el mundo. La realización de este ideal es el más alto fin de *A. U. A. H.* En la época actual, las circunstancias de la vida se han transformado totalmente, y el corazón del hombre empeora más cada día. Si permitimos que este pernicioso proceso dure, vendrá la inevitable catástrofe y la humanidad habrá de sufrir grandemente. Por ésto laboramos con denuedo para derrumbar los muros que los hombres han levantado entre las naciones, las razas y las religiones. Sobre la base del humanismo debemos desarraigar de entre nosotros el actual caos y fundar sobre la Tierra un mundo más luminoso, más tranquilo y más feliz.

El nombre de nuestra asociación es *Asociación Universal de Amantes del Hombre.* La Sede Central está en la ciudad japonesa de Kameoka. Según las necesidades de la Asociación se fundarán filiales y oficinas locales en todo el mundo. La Asociación la dirige un Presidente, y la Oficina Central está bajo el control de un Comité elegido que cuida de la administración. Cada organización local la dirige un Jefe y un Comité. Cada organización celebrará anualmente una Asamblea General, y varias veces—en caso necesario—Junta de Comité.

La adhesión a *A. U. A. H.* es libre y gratuita. Los ingresos provienen de los donativos voluntarios de los miembros mantenedores.

*A. U. H. A.* adopta el Esperanto como lengua auxiliar internacional.

Cada organización local es libre de adoptar estatutos especiales, si lo cree necesario, pero sometiéndolos a la aprobación del Comité.

Para la realización de nuestro objeto, *A. U. A. H.* trabaja en todo el mundo, edita propaganda y celebra actos públicos. Envía también propagandistas. Cada miembro de *A. U. A. H.* debe respetar cualquier creencia u opinión sincera y laborar por la realización de nuestro programa por medio del amor y la bondad.

---

Existen ya varios cientos de Secciones y Filiales en todo el mundo, y en París hay establecida una Oficina Central Europea de Propaganda de *A. U. A. H.*

En España existe una Filial de la Oficina Central Europea de *A. U. A. H.* que radica en Hellín.

¡¡Españoles: afiliaos a *A. U. A. H.* dirigiéndoos a la Filial Española!!

---

# Nekrologio — Necrología

## D. JUAN CARRASCO CUENCA

Kun profunda doloro mi komunikas al la esperantistaro, ke Subkolonelo sinjoro Johano Carrasco Cuenca, sesdekkvin jara, mortis en Madrido la 16an de septembro de 1926. Li estis malnova, fidela, entuziasma esperantisto, kaj pro tio ke mi iniciatis lin en la lernado de la lingvo, letere, kaj klarigis al li, profitege, iajn lecionojn, mi estis fiera pri mia lernanto per korespondado. Ho, ve!; la morto forrabis lin el la vicoj de la hispanaj esperantistoj. Ĉi tio estas grandega perdo, sed por mi ne estas malpli granda la perdo de neanstataŭebla kamarado kaj amiko, kiun mi estimis kiel fraton. Li estis Diplómito de «Hispana Societo por propagando de Esperanto». Ankaŭ li estis Delegitode *U. E. A.* en Valladolid'o. En 1922 transloĝiĝis en Madridon, kaj estis elektita Bibliotekisto de la Centra Madrida Grupo; li ankaŭ estis nomita Trezoristo de «Hispana Esperanto Asocio», kaj efike kunlaboris por la sukceso de la VIa Nacia Kongreso de Esperanto. Fine, pro liaj meritoj li estis enlistigita en la trio por la elekto de Prezidanto de la «Hispana Esperanto Instituto» *(H. E. I.)*. Li ripozu pace!...

Al liaj vidvino, gefiloj kaj ceteraj gefamilianoj mi sendas la esprimon de miaj sinceraj kaj respektplenaj kondolencoj.

Con profundo dolor comunico a los esperantistas que el Teniente Coronel D. Juan Carrasco Cuenca, de sesenta y cinco años, falleció en Madrid el 16 de septiembre de 1926. Era antiguo, fiel y entusiasta esperantista, y porque yo le inicié en el estudio de la lengua, por carta, y le expliqué, con grandísimo provecho algunas lecciones, estaba orgulloso de mi discípulo por correspondencia. ¡Oh, desgracia!; la muerte le arrebató de las filas de los esperantistas españoles. Esto es una gran pérdida; pero para mí, no es menor la pérdida del insustituíble camarada y amigo, al que apreciaba como hermano. Era Diplomado de la «Sociedad Española para la propaganda del Esperanto». También fué Delegado de *U. E. A.* (Asociación Universal Esperantista), en Valladolid. En 1922 se trasladó a Madrid, y fué elegido Bibliotecario del Grupo Central de Madrid; también fué nombrado Tesorero de *H. E. A.* (Asociación Esperantista Española), contribuyendo eficazmente al éxito del VI Congreso Nacional de Esperanto. Finalmente, por sus méritos fué incluído en la Terna para la elección de Presidente del «Instituto Español de Esperanto» *(H. E. I.)*. ¡Descanse en paz!...

A su viuda, hijos y demás parientes, envío la expresión de mi sincero y respetuoso pésame.

## D. RAFAEL BENITEZ Y BENITEZ

Kun granda bedaŭro mi sciigas pri la morto okazinta la $30^{a}$ de septembro de 1926 en Cádiz de alia kamarado kaj karega amiko mia Subkolonelo S-ro. Rafael Benítez kaj Benítez. Li estis malnova esperantisto, kunfondinto kun S-ro. Gastón de la Grupo *Frateco* en Zaragoza, membro de *U. E. A.* kaj de *Hispana Esperanto-Asocio*. Li ripozu pace!

Al liaj vidvino, gefiloj kaj ceteraj gefamilianoj mi sendas la esprimon de miaj sinceraj kaj respektplenaj kondolencoj.

Con gran sentimiento informo acerca de la muerte ocurrida el 30 de septiembre de 1926, en Cádiz, de otro compañero y querido amigo, el Teniente Coronel D. Rafael Benítez y Benítez. Era antiguo esperantista, fundador con el señor Gastón del Grupo *Frateco*, en Zaragoza, miembro de *U. E. A.* y de la *Asociación Española Esperantista*. ¡Descanse en paz!

A su viuda, hijos y demás parientes, envío la expresión de mi sincero y respetuoso pésame.

VICENTE ALONSO.

## SCIIGOJ

*Festo pro kursa fino en San Ildefonso (La Granja).*—La aktiveco kaj sincera entuziasmo por nia afero de nia tielkonata samideano S-ro. Benigno de Luna okazigis efikan propagandon dum du sinsekvaj tagoj en San Ildefonso (La Granja), tiu kulturama reĝa somerrestejo, nuntempe tre vizitata de eksterloĝantoj.

La $17^{an}$ de l'ĵus pasinta monato li faris la lastan lecionon de sia kurso kaj sabaton, la $18^{an}$ okazis la anoncitaj ekzamenoj, kies tribunalo estis formita de S-ro. Sidonio Pintado, prezidanto; la klera S-ino. Henrikino Castellanos, direktorino de la lokaj lernejoj por infaninoj kaj la profesoro de la kurso, sinjoro de Luna, kiel voĉdonantoj.

Fininte la ekzamenoj, oni aljuĝis la kvin premiojn laŭjene:

## NOTICIAS

*Fiesta de fin de curso en San Ildefonso (La Granja).*—La actividad y sincero entusiasmo por nuestra causa de nuestro bien conocido *samideano* D. Benigno de Luna, ha proporcionado una propaganda eficaz durante dos días consecutivos en San Ildefonso (La Granja), ese Real Sitio tan amante de la cultura, actualmente muy visitado de forasteros.

El 17 del próximo pasado mes, dicho señor dió la última lección de su curso, y el sábado, 18, tuvieron lugar los exámenes anunciados, cuyo tribunal estaba formado por D. Sidonio Pintado, presidente; la ilustrada señora D.ª Enriqueta Castellanos, directora de las escuelas graduadas de niñas y el profesor del curso, señor de Luna, como vocales.

Verificados los exámenes, se adjudicaron los cinco premios como sigue:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1.º | 25 | pesetoj | Manuel Rubio Sama. |
| 2.º | 20 | » | Concepción Alvarez Gómez. |
| 3.º | 15 | » | Julio Varela Méndez. |
| 4.º | 5 | » | Francisca de Castro Budia. |
| 5.º | 5 | » | Francisca Gonzalo González. |

Dimanĉon 19an je la deka matene estis la solena disdono de la premioj, ĉe la granda salono de la Urbestrejo. Prezidis sinjoro la Urbestro, akompanata de sinjoro Kanoniko, reprezentanta la Abaton de la ĉefpreĝejo, de sinjoro Administranto de la Reĝa Bienaro, de sinjoroj Direktoroj de la naciaj lernejoj por geinfanoj, de la nacia profesoro S-ro. Pablo de Andrés kaj de S-ro. Benigno de Luna.

Ttu-ĉi faris paroladeton, klarigante kio estas Esperanto; sciigante ke Lia Moŝto la Reĝo Alfonso interesiĝas speciale pri la disvastigo kaj propagando de la helpa lingvo internacia; farante resumon pri la rezultatoj atingitaj en tiu-ĉi esperanta kurso kaj fine dankante tre fervore je la nomo de la hispana esperantistaro la diritajn profesorojn kaj ĉiujn ĉeestantajn personojn, kiuj tiel efike kunhelpis al la bonega sukceso nun festata.

Koran gratulon al nia amiko sinjoro de Luna! Tiamaniere oni devas labori por la bono de nia sankta afero!

El domingo 19, a las diez de la mañana, fué la solemne distribución de los premios, en el salón de sesiones del Ayuntamiento. Presidió el señor Alcalde, acompañado de un señor Canónigo, en representación del Abad de la colegiata, del señor Administrador del Real Patrimonio, de los señores Directores de las escuelas graduadas de niños y niñas, del maestro nacional D. Pablo de Andrés y de D. Benigno de Luna.

Este hizo una disertación, explicando qué es el Esperanto; dando a conocer el interés particular que tiene S. M. el Rey D. Alfonso por el desarrollo y propaganda de la lengua auxiliar internacional; haciendo un resumen de los resultados conseguidos en este curso de Esperanto y, finalmente, dando muy rendidas gracias en nombre de los esperantistas españoles a los profesores mencionados y a todas las personas presentes, que tan eficazmente han contribuído al feliz éxito que se festejaba.

¡Cariñosa felicitación a nuestro amigo señor de Luna! ¡Así debe trabajarse para bien de nuestra santa causa!

---

*Esperanta horo ĉe Madrida Union Radio.*—Sabaton, la 25an de septembro ankaŭ klarigis sian lastan lecionon de somera kurso perradia, ĉe la dirita bonega sendstacio, alia pioniro de nia pacarmeo, el tiuj kiuj staras en la unua rango pro sia entuziasmo kaj kompetenteco, nome, S-ro. Pastro Mariano Mojado, tre konata de la radiistoj ĉiulokaj, kiuj konstante aŭdis lin depost la inaŭguracio de Union Radio.

S-ro. Mojado anoncis unue al la radioaŭdantoj specialan praktikan lecionon partoprenitan de siaj madridaj gelernantoj, kiuj estis antaŭ la mikrofono, kaj tuj oni komencis la ludadon de sprita Esperanta dialogo preparita de sinjoro Mojado kaj legita de la jenaj lernantoj:

*Una hora de Esperanto en Unión Radio de Madrid.*—El sábado, 25 de septiembre, también dió su última lección del curso de verano por radio, en dicha magnífica estación transmisora, otro campeón de nuestro ejército de paz, de los que figuran en primera fila por su entusiasmo y competencia, a saber: el presbítero D. Mariano Mojado, muy conocido de los radiistas de todas partes, que constantemente le han oído desde la inauguración de Unión Radio.

El Sr. Mojado anunció en primer lugar a los radioescuchas una lección práctica especial, en la que tomarían parte sus alumnos y alumnas madrileños, que estaban ante el micrófono, y en seguida se empezó la ejecución de un ingenioso diálogo en Esperanto preparado por el Sr. Mojado y leído por los siguientes discípulos:

Señoritas María Franco del Capblanco, María Loreto Martínez y Carmen Duo; señoras Carmen San Sebastián y Orosia de la O.; señores Luis Medina (locutor de la Radio), Miguel Romero, Jacinto y David Martín, Rafael Martínez, Julio Lamana, Saturio Adan, Luis Sánchez Brunete y Pelayo Moreno.

Poste eldiris kelkajn vortojn en Esperanto la klera esperantistino fraŭlino María Franco, la parolisto de la sendstacio, S-ro. Medina, kiu jam povas esti konsiderata kiel bona esperantisto kaj sinjoro Soler Valls, la aŭtoro de la klerigita kurso, kiu eventuale restis kelkajn tagojn en Madrido kaj estis afable invitata al la kunveno.

Fine la profesoro faris resumon, fermis la someran kurson, anoncis la proksiman kaj publike dankis la direktorojn de Unión Radio pro ilia afableco kaj helpo al nia propagando, finante ĉiuj per laŭtaj huraoj al tiu-ĉi sendstacio.

Después pronunciaron algunas palabras en Esperanto la ilustrada esperantista señorita María Franco, el locutor de la estación transmisora, Sr. Medina, que ya puede ser considerado como un buen esperantista, y el Sr. Soler Valls, el autor del curso explicado, que eventualmente se encontraba por algunos días en Madrid y fué amablemente invitado a la reunión.

Finalmente, el profesor hizo un resumen, cerró el curso de verano, anunció el próximo y dió gracias públicamente a los directores de Unión Radio por su afabilidad y su auxilio a nuestra propaganda, terminando todos con fuertes vivas a esta radioemisora.

---

La *Oficiala Gazeto je Komunikajoj*, aperinta la 29$^{an}$ ĵus de pasinta septembro, enhavas la jenan ordonon rilate al internacia Telegrafa servo:

«*Idiomo Esperanto*

La Internacia regularo, komenconta devigi la 1$^{an}$ de proksima novembro, akceptas tiun idiomon kiel *klaran* ĉe la internacia telegrafa korespondado.

Ĝis kiam tiu Regularo komencos esti deviga, oni povos akcepti telegramojn redaktatajn en la dirita lingvo adresataj al la sekvantaj landoj:

Albanio, Aŭstrujo, Belgujo, Brazilio, Portugalaj Kolonioj, Belga Kongo, Ĉeĥoslovakujo, Dantzigo, Egipto (1$^{a}$ kaj 2$^{a}$ reg.), Estonio, Francujo, Grekujo, Nederlanda Hindujo, Italujo, Litovio, Luxemburgo, Maroko (Rabato), Norvegujo, Polujo, Suda Rodesio, Reĝlando se S. C. S., Sarre, Siamo, Svisujo, Tunizio, Turkujo kaj Urugvajo».

El *Diario Oficial de Comunicaciones* perteneciente al 29 de septiembre último, contiene la siguiente disposición para el régimen internacional de Telégrafos:

«*Idioma Esperanto*

El Reglamento Internacional que empezará a regir el 1.° de noviembre próximo, admite este idioma como lenguaje *claro* en la correspondencia telegráfica internacional.

Hasta que dicho Reglamento empiece a regir, pueden admitirse telegramas en dicha lengua, con destino a los países siguientes:

Albania, Austria, Bélgica, Brasil, Colonias portuguesas, Congo belga, Checoeslovaquia, Dantzig, Egipto (1.$^{a}$ y 2.$^{a}$ reg.), Estonia, Francia, Grecia, Indias Neerlandesas, Italia, Lituania, Luxemburgo, Marruecos (Rabat), Noruega, Polonia, Rodesia del Sur, Reino de S. C. S., Sarre, Siam, Suiza, Túnez, Turquía y Uruguay».

---

La 25an de la nuna monato ni havis la plezuron esti vizitataj de nia karega kunbalanto madrida, S-ro. Benigno de Luna, kiu, post semajna restado en Cheste, vojaĝas al Burgos, propagandcele.

Lia miro pri la enradikiĝo de Esperanto en Cheste estas tiel granda, ke li ne dubas aljuĝi al tiu urbeto la alnomon de Meko de la hispana esperantistaro, kies vivanta Mahometo estas la meritplena kaj senpara esperanta apostolo, S-ro. Máñez, S-ro. de Luna certigas, ke se en ĉiu hispana provinco estus unu *Cheste,* nia movado nepre venkus.

Tio ĉi ne estas nova per ni; tamen ni tamen ni sincere gratulas tutkore niajn chesteajn gesaminojn kiuj tiel alte honorigas nin. Kaj feliĉan vojĉon kaj sukceson al S-ro. de Luna!

El 25 del mes actual tuvimos el placer de ser visitados por nuestro querido correligionario madrileño D. Benigno de Luna, quien, tras una semana de permanencia en Cheste, se dirige a Burgos, con fines de propaganda.

Su admiración sobre el arraigo del Esperanto en Cheste es tan grande, que no duda en adjudicar a esta villa el sobrenombre de Meca del esperantismo español, cuyo viviente Mahoma es el meritísimo y sin par apóstol del Esperanto Sr. Máñez. El Sr. de Luna asegura que si en cada provincia española hubiese un *Cheste,* nuestro movimiento vencería indefectiblemente.

Esto no es nuevo para nosotros; sin embargo, sinceramente felicitamos de todo corazón a nuestros *samideanos* y *samideanas* de Cheste, que tan altamente nos honran. ¡Y un feliz viaje y éxito al Sr. de Luna!

---

En Seviljo oni multe projekciis la filmon pri la VIa Kongreso de Esperanto en Madrido, farante bonegan propagandon. Dank' al tio, en la komenco de oktobro oni malfermis esperantan kurson, klarigatan de S-ro. Karolo Martínez kaj ĉeestaten de 6 lernantinoj kaj 26 lernantoj. La loka gazetaro ankaŭ rilatas simpatie al nia afero. Antaŭen!

En Sevilla se ha proyectado mucho la película del VI Congreso de Esperanto en Madrid, haciendo una buena propaganda. Gracias a esto, a principios de octubre se inauguró un curso de esperanto, explicado por D. Carlos Martínez y asistido por 6 alumnas y 26 alumnos. La prensa local también se ocupa con simpatía de nuestra causa. ¡Adelante!

---

# BIBLIOGRAFIA

*La Alta Kanto de la Amo.*—De una leyenda antigua, recompuesta originalmente en Esperanto, por Teo Jung.—Premiada con la Flor Natural en los XII Juegos Florales.—1926.—*Heraldo de Esperanto,* Horrem C. Köln (Alemania.—Precio: 0'75 markos.

He aquí la bellísima poesía premiada en mayo último en los Juegos Florales celebrados durante el XIII Congreso de la Federación Esperantista Catalana. Se publica en un elegante folleto editado con lujo, que consta de 40 páginas, perfectamente impresas.

Sorprendentes son en esta obrita la naturalidad y sencillez de la versificación, compuesta de estrofas de cuatro versos octosílabos; el estilo del todo adecuado, saturado de amoroso espíritu caballeresco; el desarrollo de la dramática leyenda, siguiendo el más puro modelo romancesco. ¡Todo en ella proclama la justicia del premio alcanzado!

Por eso no solamente recomenda-

mos la adquisición de la obritá, sino que aseguramos que es de imprescindible necesidad que figure en la biblioteca de todo esperantista que ame la buena literatura.

---

*Universala Esperantistigilo,* por el Dr. Benson.—Precio por lección: 0'25 dólar.—En el Colegio Benson de Esperanto, Inc., núm. 3, 16 th Ave., Newark, N. J.—U. S. A.

Las cuatro primeras lecciones de la segunda edición de este excelente método de enseñanza del Esperanto por medio de grabados, sobre el cual ya hablamos favorablemente a la publicación de la primera edición, acaban de aparecer en forma y contenido cuidadosamente corregidos y mejorados.

Cada lección es un librito aparte que consta de 40 páginas y cerca de 300 grabados pequeños. Las instrucciones para la pronunciación y el prólogo van impresos en dos páginas de la primera lección y escritos en cada lengua, pues el resto del método está todo en esperanto.

Repetiremos que este método de enseñanza nos parece magnífico, sobre todo para niños o personas que no les gusta trabajar y cavilar mucho, pues facilita el estudio de la lengua sin maestro, aprendiendo las palabras casi jugando y obligando al alumno a construir por sí mismo la traducción, en su idioma, de los vocabularios que hay al final de cada librito, con el necesario lugar en blanco para escribirlos.

La empresa empezada hace algunos años por la «Escuela Benson» continúa, como empresa americana, proponiéndose la realización de los más extensos planes respecto a la propagación del Esperanto en el mundo, y promete, con plena fe, que ella «no sólo vendrá a ser el centro para enseñar el Esperanto, sino *el centro de todo el movimiento esperantista*». Esta intención se muestra en un pequeño *detallito* que observamos; tal es: que en los precios, según el número de ejemplares comprados, se hace la rebaja proporcional siguiente: 1 a 24 ejemplares, costarán sólo a 0'15 dólar cada uno.—25 ó más, 0'14.—50 ó más 0'13. —... 1.000 a 0'10.—... y 1.000.000 a 0'05.

Luego los empresarios esperan algunas compras de *un millón* de ejemplares, lo cual sería en verdad bastante buen éxito, y creemos sinceramente que aquéllos son muy dignos de tal premio al serio e inmenso trabajo realizado. ¡Comprad, pues, a millones o al menos a miles, queridos lectores ricos!

---

*Paisajes escoceses.*—Precio: 1 chelín. —Y *Guía de la Bellísima Escocia.*— 2 peniques.—En casa de Higgie y Compañía, Impresores y editores.—Rotseo, Escocia.

El primero es una colección de 32 hermosas vistas de Escocia con descripciones, cuyo conjunto forma un lujoso folleto, publicado como recuerdo del XVIII Congreso Universal de Esperanto en Edimburgo, en julio-agosto 1926. —El segundo es un librito de 32 páginas, reedición del publicado con ocasión del III Congreso en Cambridge (1907), que contiene noticias detalladas del país.

Todo esto es un recuerdo digno de guardarse sobre dichos Congresos y país.

---

*Boletín de la Asociación Científica Internacional* Esperantista y de la Sección de Vocabularios Técnicos.—N.° 4. Octubre 1926. Un número: 0'1 dólar.— Abono anual: 0'5 dólar.—Administración: Sr. C. Rousseau, Cajero de I. S. A. E., plaza de la República, 4, Levallois.—Perret (Seine), Francia.

Contiene noticias sobre la vida de la Asociación, sus sesiones en el Congreso de Edimburgo, excursiones del postcongreso, progresos generales, Vocabularios Técnicos, etc.

Los miembros de I. S. A. E. reciben gratis el boletín, y la cuota anual de miembro activo es de 0'5 dólar.

TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas), 9, VALENCIA

Por faciligi al siaj membroj la praktikan uzon de la lingvo kaj favorigi esperantan korespondadon, turismon, komercajn rilatojn, interŝanĝon de poŝtmarkoj, ktp.

Por konatigi la valoron de nia lingvo ĉe interŝtataj oficejoj, grandaj internaciaj societoj, ktp. La sukceso de tiuj klopodoj multe dependas de la nombro de la personoj en kies nomo la Asocio rajtas paroli.

*Universala Esperanto-Asocio* donas:

Al la Membroj: Membrokarton kaj ducentkvindekpaĝan jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj, ktp. Ĉiu membro deziranta korespondi aŭ interŝanĝi rajtas presigi dufoje sian adreson en la gazeto *Esperanto* aŭ speciala aldono.

Al la Membro-Abonantoj: La gazeton *Esperanto*, internacia ĉeforgano de la esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

Al la Membro-Subtenantoj: kun la supraj presaĵoj premion konsistantan el valoraj literaturaĵoj laŭ elekto el la jenaj tri sendaĵoj:

1. Verkaro de D-ro. Zamenhof (ok volumoj de tradukoj klasikaj.
2. Internacia Biblioteko Esperanta (32 volumetoj de internacia literaturo; libreto poŝformata).
3. «El Parnaso de popoloj» (poeziaĵoj el tridek lingvoj majstre tradukitaj de Antoni Grabowski).

*Universala Esperanto-Asocio* postulas:

Jaran kotizon de 5 fr. por Membro, de 12'50 fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto (favorprezo por hispanoj: 6, 15, 30 pesetoj).

Para facilitar a sus miembros el uso práctico del idioma y favorecer la correspondencia esperantista, el turismo, las relaciones comerciales, intercambio de sellos, etc.

Para hacer conocer el valor de nuestra lengua en las oficinas entre estados, grandes asociaciones internacionales, etcétera. El éxito de estas gestiones depende en mucho del número de personas en cuyo nombre tenga derecho a hablar la Asociación.

*La Asociación Universal Esperantista* entrega:

A los Miembros: La Carta de socio y un anuario de 250 páginas, con las direcciones de los Delegados, grupos esperantistas, revistas, organizaciones, con noticias sobre relaciones internacionales, etc. Todo miembro que desee corresponder o establecer intercambio, tiene derecho a que se imprima dos veces su dirección en la revista *Esperanto* o especial suplemento.

A los Miembros-Suscriptores: La revista *Esperanto*, principal órgano internacional de los esperantistas, con artículos literarios, científicos, técnicos y exactos informes sobre el movimiento.

A los Miembros-Protectores: Con los impresos anteriores, un premio consistente en valiosas obras literarias a elección entre las tres remesas siguientes:

1.ª Obras del Dr. Zamenhof (ocho volúmenes de traducciones clásicas).
2.ª Biblioteca Internacional Esperantista (32 pequeños volúmenes de literatura internacional; forma manual de bolsillo).
3.ª «El Parnaso de los Pueblos» (poesías de 30 lenguas, magistralmente traducidas por Antonio Grabowski).

*La Asociación Universal Esperantista* solicita:

Una cuota anual de 5 frs. por Miembro, de 12'50 frs. por Miembro-Suscriptor y de 25 frs. por Miembro-Protector (precio especial para españoles: 6, 15, 30 pesetas, respectivamente).

## Internacia-Centra Komitato de la esperanto-movado

**Comité Central Internacional del movimiento esperantista**

**12, Boulevard du Théâtre, Genève (Ginebra) Svislando (Suiza)**

*Prezidanto:* D-ro. Edmond Privat, 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

*Instruado & Statistiko:* Prof. D-r Dietterle, Seumestrasse, 10, Leipzig-Schl.

*Financo & Juro:* W. M. Page, 31, Queen Street, Edinburgh.

*Gazetaro* (Prensa): Rudolf Hromada, Socharská, 333, Praha VII.

*Teknikaj Fakoj* (Secciones técnicas): M. Rollet de L' Isle, 35, rue Sommerard, París, V.

*Socia Fako* (Sección social): Julia C. Isbrücker, v. Beverningkstr. 10, s' Gravenhage.

**Konsilantoj**

*Extrem-Oriento:* Won Kenn, Kanton.

*Ameriko:* E. Legrand, Montevideo.

**Administrado**

*Ĝenerala Sekretario:* Rob. Kreuz ...e.

*Sekretario:* Andreo Ĉe, Genève.

## HISPANA ESPERANTO-ASOCIO

**(Asociación Esperantista Española)**

*Calle de Sagasta, núm. 10, Cruz Roja, Madrid*

*Presidente:* D. José ...rogordo, calle de los Santos, 2, Madrid.

*Secretario:* D. Mar... Mojado, Abascal, 3, pral. A. Madrid.

*Tesorero:* D. Juan Carrasco Cuenca, Corredera Alta, 3, 3.°, Madrid (10).

## FEDERACIÓN ESPERANTISTA LEVANTINA

*Calle del Mar, n. 23, Ateneo, Valencia.*